„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

**10a jaro. N-ro 5** **Monata** **Majo 1933**

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Die Stadt **Kopenhagen** hat einen sehr schönen Führer in Esperanto herausgegeben, um beim diesjährigen Kölner Esperanto-Weltkongreß für den nächstjährigen Besuch anläßlich des Weltkongresses in Stockholm zu werben.

Das schöne **Bingen** am Rhein versendet ebenfalls neu herausgebrachte Esperanto-Führer.

Beide Führer sind gegen Rückschein im Intern. Esperanto-Museum zu haben.

Die prächtigen Esperantoführer „**Aŭstrio**“, herausgegeben vom Bundesministerium für Handel und Verkehr in Wien, werden gerne gegen Bezahlung des Portos an Ihre Korrespondenten ins Ausland gesandt.
Int. Esp.-Museum, Wien

Die **Stadtverwaltung von Vio** in Spanien hat beschlossen, eine Straße nach Dr. Zamenhof, dem Erdenker des Esperanto, zu benennen.

In **Hollywood** bereitet man einen Esperantofilm vor, dessen weibliche Hauptrolle Marion Marsh hat, die Esperanto einige Monate hindurch gelernt hat.

Die Stadt **Düsseldorf** hat beschlossen, eine Straße „Zamenhofweg“ zu benennen.

Die 1. **Berufsschule für Kaufleute** in Berlin, Wartenburgstr. 6, hat vom 6.—11. März eine große Bücherausstellung veranstaltet. Es wurden auch Esperanto-Bücher, die vom Berliner Verlag Ellersiek beigestellt wurden, ausgestellt. Eine vornehme Propaganda.

**„Die Fanfare“**, Organ für zeitgemäße Weltgestaltung, Reichenberg, bringt stets eine Esperanto-Rubrik, geleitetet von Hch. Michalek.

## „Heroldo de Esperanto“ sur la skribotablo de la Aŭstria Federacia Prezidanto.

Alvenis jena letero:

Oficejo de Federacia Prezidanto.
4260 Pr. K. 30.aprilo 1933

Al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien.

La oficejo de la Federacia Prezidanto havas la honoron plej bone danki pro la transdono de du ekzempleroj de la Esperanto-semajnĵurnalo „Heroldo de Esperanto“, kiu estis prezentata al sinjoro Federacia Prezidanto. Löwenthal

---

**Oficialaj hungaraj poŝtkartoj** ĵus eldoniĝis kun vidindaĵoj kaj koncerna teksto en hungara, franca kaj Esperanto-lingvoj. Ni gratulu al la hungara poŝto kaj niaj hungaraj samideanoj!

Int. Esperanto-Muzeo, Aŭstria E.-Asocio.

---

## „Allgemeiner Deutscher Katholikentag“.

Ĝenerala kongreso de germanaj katolikoj.

Inter la aranĝoj de ĉi tiu grandioza kunveno de germanaj katolikoj (7.—12. sept.) okazos ankaŭ tiuj de Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien (Prez. L. Chiba, Wien IV. Schaumburgerg. 5), inter kiuj: beno de nova standardo, diservo en belega preĝejo Sa. Karlo (arkitektura majstroverko), festkunveno, vizito al Int. Esp.-Muzeo ktp. Kotizo por la E-aranĝoj por aŭstrianoj S 1.60, por alilandanoj sv. fr. 1.20.

Informojn ankaŭ pri „Katholikentag“ vi ricevos de s-ro Chiba. Nepre aldonu respondafrankon.

Oesterreich — Autriche
Austria — Aŭstrio

Ni devas aldoni, ke aperis du gvidiloj kun la sama teksto, sed kun diversaj bildoj, unu en blua, la alia en bruna ĉefkoloro.

Ke kiel kvara lingvo, kaj tiel por ĉiuj aliaj lingvoj, estas simple presita en Esperanto sur la titolpaĝo kaj en la rimarko, estis la ideo de min. kons inĝ. Erich Deinlein, kiu per tio deziris montri al la tutmonda esperantistaro, ke li faris bonajn spertojn kun Esp. kaj tial deziris uzi vastmaniere la lingvon Esperanto. Mi, la tradukinto, mem estis surprizita trovi jam sur la preta unua paĝo la Esp.-titolon. Min. kons. Deinlein jam diversfoje en internaciaj konferencoj de ŝtataj fremdulfrekvent-oficejoj varme rekomendis la enkondukon de Esperanto.

Elkore ni gratulu kaj danku al s-ro Deinlein.

---

## Esperanto ĉe aŭstriaj fervojoj.

La aŭstriaj Federaciaj Fervojoj aranĝas ĉiujare ekzamenojn pri kono de lingvoj, inter ili ankaŭ Esperanto, speciale kun la konduktoroj. Anoncis sin por ĉijara ekzameno en la stacio Bruck a. M. 22, Graz 39, Wien 47, Amstetten 17, Linz 66 kaj Salzburg 2 Ekzamenokomisaro estis s-ano Oberrevident Heinrich Bausbach de la direkcio Villach.

Interese estas, ke la ekzamenoj estas ripetataj ĉiujare, por ke la koncernaj personoj daŭrigu la studadon kaj uzadon de la lingvoj.

---

## Konferenco de UFE.

**Universala Federacio Esperantista**, formita de Brita E-Asocio, Brazila E-Ligo, Centra Dana E-Ligo, Franca Soc. por la propag. de E, Hispana E-As., Itala Federacio E, Japana E-Instituto (landa organizo), Kataluna E-Federacio, Litova E-As., Saar-teritoria E-Ligo kaj Sveda E-Federacio kunvokas

**Konferencon de la membroj-societoj de UFE por la 20.—22. de majo al Genève**

La konferenco pritraktos internajn detalojn pri la funkciado de nia federacio. Rilate la organizan situacion de la E-movado ĝi ankaŭ okupos sin pri proponoj koncerne la perfektigon de la UFE-statutoj, kiuj i. a. faciligos partoprenon de UEA kaj de la faksocietoj en UFE, se ili tion deziras.

Kun la celo, faciligi la decidojn en la 25-a Universala Kongreso de E en Köln, okazos priparolo de la organiza situacio en komuna kunsido, al kiu estas invitataj ĉiuj naciaj societoj, reprezentitaj en la ĝisnuna KR kaj la estraro de UEA.

Por Int. E-Muzeo kaj AEA partoprenos reg. kons. Steiner.

## Internacia Asocio por la Kongresoj de Vojoj.

S-ano inĝ. Gueritte, Surbiton, Anglujo, skribis leteron al la ĝenerala sekretario: „. . . Utileco de E aperas grava, se oni ekzamenas teknikan vortaron en ses lingvoj de la privojaj terminoj, publikigitan de nia asocio lastjare". Li argumentas, ke la tradukoj estas tre ofte ne bonaj kaj pro tio ne ĝuste kompreneblaj kaj daŭrigas „Nu tiu ĝeno malaperus per uzo de Esp." La tuta letero aperis en „Oficiala Bulteno" de la supre citita Asocio.




**Adreso:** Trajanstr. 25.

**Kotizo:** Rm 20.—.

**Aliĝis** ĝis nun 530 personoj el 30 landoj.

**Baldaŭa** aliĝo facilgas nian laboron.

LKK

**Aliĝu** tuj al la karavano, ĉar estas nur **malmultaj** lokoj ankoraŭ liberaj en la **unua** aŭtobuso kaj, ĉu dua veturos, ne estas certa. Devos poste anonci sin denove 33 personoj. Do ne hezitu! Sinanoncojn bonvolu tuj sekvigi la pagon de 50 S kaj ĝis plej malfrue la 1. de julio la reston da 35 S.

Steiner

## Esperanto-Kongresoj.

**VI. Tutpollanda** en Warszawa (4.-5. VI.)

**VI. Jugoslavia** en Beograd (3.-5. VI.)

**Dana** en Odense kune kun la 25-jara jubileo de Centra Dana Esperantista Ligo (4.-5. VI.)

**Svisa** Esperanto-Tago en Neuchatel (3.-4. VI.)

**XVI. Kataluna Kongreso** en Vendrell (4.—6. VI.).

12. Plenkunveno de **Aŭstria** Laborista Ligo Esp. en Wien (4.-5. VI.)

Koran gratulon kaj sukceson!
IEMW, AEA

## SAT-Kongreso en Stockholm.

„Nordisches Reisebureau", Wien I. Seilerg. invitas la partoprenantojn de la kongreso (5.—10. aŭg.) uzi siajn servojn. Ĉiuj prezoj sen plio en aŭstriaj ŝilingoj.

---

**Aldono:** Gvidfolieto de Hohenberg de L. Kaff.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

**Hungarujo.**

**Ekscelenco Georg von Lukács,** Sekreta Konsilisto, iama Ministro por Kultoj kaj Instruado, Budapest.

**Barono D-ro Julius Madarassy-Beck,** Prezidanto de „Hungara Kaufmannshalle" kaj vicprezidanto de Hungara Landa Fremdulfrekvent-Senato, Budapest.

**Dumvivaj membroj** (Aŭstrio S 15.— ev. en 3 partpagoj), por alilandanoj svis. fr. 12.50; ili enpagu la egalvaloron ĉe iu banko de sia loko por la konto de „Oesterreichische Credit-Anstalt, Wien I. Renngasse" kun la ordono, ke oni pagu al la Muzeo la koncernan sumon en aŭstriaj ŝilingoj.

**486.** Buchty Emilie, instr., Aachen; 487. s-ino L. E. Blackbock, St. Raphael Var, Franc.

**Grupoj** pagas la saman kotizon por 10 jaroj!

**Ricevitaj sendaĵoj:**

41. H. Sentis, Grenoble; 42. prof. P. Bovet, Genève; 43. Internaciisto, Berlin (N: Kalendaro de IPE); 44. Scienca Gazeto, Madison, USA; 45. Fr. Azorin, Cordoba (N: Univ. Terminologio de arkitekturo); 46. Socieda de Geografia, Rio de Janeiro; 47. R. Hoschek, Wien; 48. A. Lochner, Wien; 49. Argentina E-Asocio, Buenos Aires; 50. Brita E-Asocio, London; 51. J. D. Applebaum, Liverpool; 52. D-ro Biehler, Graz (N: Stalin „La rezultoj de I. kvinjarplano"; Erdberg „Ĉinaj Noveloj"; Mejer-Wichmann „Kontraŭ la regantaj perceptoj de krimo kaj puno"); 53. L'Information Esperantiste, Strasbourg; 54. Eldona Soc. Esperanto, Stockholm (N: Nylen „Esp.-Svensk ordbok"; Seppik-Malmgren „Systematik kurs i E"; Nykel till E); 55. Japana Esp. Ligo Fervojista, Tokio (N: Tabelo pri Organizo de Ŝtatfervojoj en Japanujo); 56 D-ro Biehler, Graz; 57. American E-Institute, Madison (N: De viandomanĝado al senvenena dolĉfrukta dieto); 58. Literatura Mondo, Budapest (N: Hungara Antologio); 59. H. Wajner, Warszawa (N: Gutermann „Slownik Jezyka E"); 60. N. Hovorka, Wien; 61. Komitato, Amsterdam; 62. H. Sentis, Grenoble; 63. d-ro St. Kamaryt, Bratislava; 64. P. Neergaard, Kopenhagen (N: Manuskripto de „Fremdvortoj en E"); 65. Foiro, Budapest; 66. C. Barthel, Frankfurt; 67. Regiona E-Ligo, Ĉ. Teŝin.

**Jubileo**

**Centra Dana Esp. Ligo** festos la 4. kaj 5. junio sian 25-jaran Jubileo-Kongreson en Odense. Elkoran gratulon. IEMW, AEA

**Honorigo.** S-ano Beau, licea prof. en Maccon, Del. de UEA, fariĝis Kavaliro de Honora Legio.

**Ekskurso al Bratislava.**

„Volkszeitung"-Wien aranĝis la 23. IV. ŝipekskurson de Wien al Bratislava kun 1000 infanoj kaj 600 plenkreskuloj. Partoprenis ankaŭ je iniciato de prez. Cech („Danubio") kelkdekoj da s-anoj kun granda standardo kaj E-flagoj. En Br. atendis la tieaj s-anoj kun E-standardo. Granda propagando estis, kiam al la aro da esperantistoj aliĝis multcentoj da neesperantistoj, tiamaniere kun la E-standardoj promenante tra la urbo.

En la priparolado de E-gvidantoj el ambaŭ urboj partoprenis prez. de ĈEA prof. d-ro Kamaryt, UEA-del. Wanitsek, prof. Jukl, Kiss, Matsek, Csader kaj kalk. kons. Frey, sekr. N. Hovorka. S-ano Frey faris ankaŭ viziton al la iama urbestro Okanig, al kiu li rekomendis speciale la E-movadon ĉe la skoltoj.

**Foiro de Budapest** dissendis grandajn kaj malgrandajn afiŝojn, 8-paĝajn propagandilojn, kalendarojn, kalkulslipojn kaj glumarkojn en Esperanto, grandstila propagando, imitinda.

**En Cosmoglotta**, XII. 2, pĝ. 21 f oni legas (originalo en Occidental): „Al tiuj samideanoj, kiuj mem volas kunmeti propagandotekstojn, mi konsilas, ke oni uzu en ĉi-tekstoj laŭeble nur tiajn esprimojn, kiuj estas samkompreneblaj por angloj, francoj kaj germanoj per la sciencaj vortoj de iliaj lingvoj. Oni do evitu vortôjn pure antikvelatinajn aŭ grekajn aŭ hispanajn aŭ aliajn ne sufiĉe internaciajn kiel ekz.: do, nam (ĉar), pri, che (ĉe), ye (je), presc (preskaŭ), por li anc (ankaŭ), chascun (ĉiu), nu, secun (laŭ), misser (sendi), desde (depost), hay (ekzistas, estas), vece, qualmen (kiamaniere); ĉi-rilate oni preferu (se la senco permesas tion) ergo, de, a, quasi, in, per, in present, conform a, expedir, depos, existe, per quel maniere. Ne estas la kulpo de Occidental, ke por 10 % de la ideoj ne ekzistas internaciaj formoj. Feliĉe ĉi-vortoj estas tre maloftaj. Nur „harfendistoj" kaj malicaj kverulantoj en ĉi-fakto vidos nevenkeblan malhelpon por la natura enkonduko de lingvo internacia. Veraj amikoj de ĉi-ideo unue vidos la grandajn trajtojn kaj rekonos, ke la solvo estas ebla nur sur la fundamento de la ekzistantaj internaciaj lingvoj t. e. sur la fundamento de Occidental."

Do iom da skeptikismo dum la legado de fanfaronaj reklamiloj. D-ro W. Biehler

# Vespero de aŭstriaj poetoj,

aranĝita de la Esperanto-Klubo Wien.

La 20-an de aprilo la Esperanto-klubo, Wien, aranĝis en sia kunvenejo, en la ora salonego de kafejo Siller, sian unuan vesperon de aŭstriaj poetoj.

En sia enkonduka parolado Regierungsrat **Hugo Steiner** klarigis la celojn de tiu entrepreno. Unu el la ĉefaj estas, konstrui ponton inter la aŭstria intelektularo kaj la esperantistaro, ilin alproksimigante reciproke, kaj varbi tiel ĉe la spiritaj gvidantoj de Aŭstrio kaj la klera, kulturinteresita publiko por Esperanto kiel por kulturmovado.

**Rudolf List**, de kiu aperis antaŭ kelkaj monatoj volumo de ĉarmaj novaj poemoj, redaktoro ĉe „Reichspost", prezentis al la publiko spiritajn portretojn de la poetoj, kiuj post li prelegis.

**Nikolao Hovorka**, nia fervora samideano, parolis sian „Koofeson al Aŭstrio". Li klarigis la apartan mision de nia lando, kies celo estas pacige disvastigi germanan kulturon kaj ŝirmi ĝin kontraŭ atakoj de malamikoj. Li finis, ke por ĉi tiu celo estas Esperanto la plej taŭga ilo, fari atingebla la kulturvaloron de germanaj verkoj al la alilingvanoj kaj montris la belecon de E en sia poemo „Rifuĝo kaj konsolo". Rudolf List nomis, Hovorka la „bedaŭrinde en tro malgranda rondo konatan kulturpoeton".

| **Rifuĝo kaj konsolo.** | **Zuflucht und Trost.** |
|---|---|
| Vi estas la silento | Du bist die Feierstille |
| Solena en la bruo, | Im Lärm und Ungemach, |
| La firma ŝirmtegmento | Im Sturm und Kampfgewühle |
| En skuo kaj detruo. | Bist du uns Schirm und Dach |
| Vi estas nokto riĉa | Nach kümmerlichem Tage |
| Post tago tre mizera, | Bist du die reiche Nacht, |
| Rikolto plej feliĉa | Nach hoffnungsloser Plage, |
| Post peno senespera. | Des Glückes frohe Fracht. |
| Vi estas en aŭtuno | Du bist nach Herbst und Welken |
| La vivesper' eterna, | Des Heiles Morgenstern |
| Vi en printempa suno | Im jungen Frühlingsschwelgen |
| La kerno pej interna. | Des Lebens Mark und Kern. |

Juna karintia poeto **Herbert Strutz** prelegis serion el siaj poemoj, kies aperon preparas Viena Saturn-Verlag. La publiko atente kaj danke aŭskultis la provojn de ĉi tiu produktema pasia talento.

**Joseph Gregor**, la fondinto kaj ĉefo de la teatra fako kaj filmarĥivo de la Viena Nacia Biblioteko, estas al la publiko precipe konata kiel altranga scienculo sur sia faka laborkampo, publikiginte tutan serion da grandaj kaj multsignifaj verkoj, antaŭ nelonge la monografaĵon „Das Zeitalter des Films", kiu verŝajne ankaŭ aperos en Esperanto-traduko. En Burgtheater estas preparata prezentado de teatraĵo de li. En sugesta kaj arte altnivela maniero li prezentis el kelkaj volumoj poemojn, vivoplenajn kaj kolororiĉajn, kaj rikoltis laŭtan fervoran aplaŭdon.

Post la paŭzo **Ernst Scheibelreiter** prelegis el sia lirika libro „Freundschaft mit der Stille", kiu aperis la lastan jaron en Viena eldonejo S. L Gerstel, kelkajn poemojn, en kiuj senc- kaj sentpezaj vortoj sin pie kaj ŝpare kunigas al realecaj, ofte iom mornaj bildoj. Fine li prelegis el manuskripto „Die Schrebergarten-Legende", mallonga balado, humora kaj kurioza, kiun la publiko kvitancis per multa rido.

**V. O. Ludwig**, la fame konata aŭstria poeto, paroĥestro en Korneuburg, eminenta scienculo, aŭtoro de granda kolekto de gravaj sciencaj kaj ŝatataj poeziaj libroj, broŝuroj, de sennombraj artikoloj en germanaj ĵurnaloj kaj revuoj de tuta Eŭropo, jam salutita de kora aplaŭdo kaj ofte interrompita de aklamo kaj rido prezentis nove verkitajn spritaĵojn kaj humoraĵojn, kiuj en la venontaj semajnoj aperos ĉe Reinhold-Verlag („Wachauer Vaganten-Lieder")

La prezentado estis bone vizitita de esperantista kaj neesperantista interesita publiko, de aliaj poetoj, de altranguloj kaj ĵurnalistoj. La publiko estis plene kontenta kaj danka pro la prezentita programo kaj deziris baldaŭan ripeton de tia vespero.

---

**La Internacia Groote-ano**, ĉiutrimonata gazeto, oficiala organo de „Internacia Asocio de la Esp.-istoj-Grooteanoj (IAEGA), 52 Dreef, Ninove, Belgujo kaj 90 Nordendijk, Dordrecht, Nederlando, aperis en januaro. Jarkotizo 2 sv. fr.

**„Oomoto Internacia"** ĉesis aperi en Paris en novembro kaj de januaro kune kun „Oomoto" aperas sub la titolo „Oomoto Internacia" en Kameoka, Kioto-Hu, Japanujo, en 32 paĝoj kaj duoble pli granoa formato ol iama Oomoto. Abonkotizo 5 sv. fr.

## Gravaĵoj.

**Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista,** Praha XIX, Uralské nám. 447 ekde majo eldonis n-ron 1 de „Bulteno de ĈAE“. Redaktas d-ro St. Kamaryt kaj d-ro A. Pitlik. Ni gratulas!

**„La Progreso“**, organo de Ĉeĥoslovaka Movado Esperantisto, komencis en majo sian 15. aperjaron Praha VII. Socharska 333.

**„Kobenhavn“.**

Fine aperis vere bela 10-paĝa faldprospekto pri ĉi tiu belega urbo unu el la plej belaj, kiujn mi iam vidis. Estas malfacile, priskribi tian urbon; oni devas ĝin vidi kaj pro tio, jam nun ŝparu ĉar mi havas la deziron aranĝi venontjare aŭtobusekskurson al la kongreso en Stockholm kaj komprenebla ni vizitos Kobenhavn, urbon, kiun mi dufoje vizitis en 1912 post Krakovo kaj 1932 dum mia propagandvojaĝo. Belega urbo, agrablaj kaj helppretaj samideanoj allogas nin. Ni ne rezistu!

Turistforeningen for Danmark, Kobenhavn V. Vestre Boulevard 18, agis saĝe eldonante ĉi tiun varbilon jam nun antaŭ la XXV. Ni gratulas al ĝi kaj al niaj s-anoj en Danujo. Mendu senpere ĉe Turistforeningen. Steiner

**„Bingen“**, la malnova Rejnurbo kaj urbo por vinkulturado, 6-paĝa faldprospekto kun 6 belaj bildoj, eld. de Verkehrsverein, Bingen/Rhein, Germanujo, kaj de tie ankaŭ senpage ricevebla. La karavananoj ĝuos la vidindaĵojn.

Sennacieca **Asocio Tutmonda**, Paris 12, avenue de Corbera 14, aperigis „Sennaciulon“ en nova serio sub la nomo **„Sennacieca Revuo“.**

**„Sennacieca Revuo“**, organo de Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris, gvidanto E. Lanti, komencis sian „Novan Serion“ en marto.

Grupo **Laborista Esperantista,** Valencia, Hispanujo, luis apartan belan hejmon, Horno del Hospital, 12-1 kaj invitas al vizito.

**Aŭstralazia Labora E-Asocio** fondiĝis la 28. febr. en Melbourne.

**Esperanto-Sleutel**, la nova ŝlosilo flandra. 1933, 1. eld., 1.—10. miloj; 50 ctm.

**„Suda Kruco“** aperas nun en pli granda formato. Ni gratulas!

**Nova adreso**: E-Soc. „Nova Sento“ kaj ties „Bulteno“ estas nun Barcelona, Llacuna 1.

Firmo **Finken & Co.**, London, varbas per dupaĝaj E-flugfolioj por „Force“. Aperis kiel aldono al Brita Esperantisto.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

La **jarkunveno de AEA** okazos la 4. kaj 5. junio en Wien. Vidu nian n-ron 4. Speciala invitilo vin indikos la precizajn lokojn kaj horojn de la kunvenoj. Ni petas multnombran partoprenon. Informojn ankaŭ telefone sub A 16158 aŭ R 27803.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Bericht über die Leitungssitzung** vom 21. April. H. Gindl-Leoben wird als Mitglied unserer Gruppe aufgenommen. 10 Mitglieder werden, z. T. über eigenen Wunsch, von der Liste gestrichen. Zur Tagung des OeEB fährt diesmal kein Mitglied. Der Ankauf mehrerer Exemplare der Flugschrift des DEB „Nationalismus und Esperanto“ wird erwogen. Katalogisierung der Bücherei soll während der wärmeren Jahreszeit beendet werden Es wird an den geplanten Besuch bei unserem ältesten Mitglied in Rosenhain erinnert. D-ro Biehler

---

Esperanto-kubo, Wien, ne plu kunvenos en majo. La 8. kaj 22. junio la aranĝoj okazos en restoracio Constantinhügel, Prater, Hauptallee, sed **jam je la 7. h.**

**N-ro 3036.**

Kio tion signifas? Estas la 3036-an fojon, ke nia s-ano dir. Kaftan gvidis interesulojn tra sia fondaĵo, la unika horloĝmuzeo en Wien, nome la partoprenantojn de la E-kurso de „Das Kleine Volksblatt“.

Ĉiuj estis ravitaj pri la viditaj objektoj kaj ankaŭ la afableco de la gvidanto.

Al ĉiu ni rekomendas la viziton de la muzeo, Wien I. Schulhof 2.

**Koran gratulon al:**

Geedzoj Gustav **Weber**, Wien (alvenis filineto),

Geedzoj d-ro Senio **Weingast**, Pottenstein (geedziĝis)

d-ro Karl **Postl**, Wien (bonege farita ekzameno adrokateca).

Koran kondolencon al s-ino **Grete de Crignis**, nia fervora s-anino, okaze de la morto de ŝia edzo Amtsrat Albert de Crignis.

IEMW: Steiner

**Publikan dankon** mi deziras diri al **d-ro E. Berghoff**, Wien VIII. Langeg. 60, pro la bonege farita komplika dentoperacio.

**R. M. Frey**

## Lingvaj demandoj

red. de d-ro W. Biehler

§ 7. Verbaj deriviloj estas tre malmultnombraj. Temas precipe pri -eln, -ern, -igen kaj la fremddevena -ieren. -eln kutime malgrandigas, do: tuseti, rideti; la aliaj verbigi adjektivojn, la senco de la derivaĵoj estas: doni iun kvaliton aŭ econ (firmigi, duonigi). Kiel oni vidas, la germana -igen estas la patro de la E-o-sufikso -igi.

c) Listo de la germanaj sufiksoj kun la E-o-tradukoj.

§ 8.

1) -aner. E-o -an. § 2 kvina alineo.
2) -bar. E-o a) -em, b) -ebl, c) -dona (ig) § 6.
3) -chen. E-o a) -et, b) -id, c) -ĉj, -nj § 2, tria alineo.
4) -e. E-o a) -ec, b) -aĵ, § 3, fine de la nnua alineo.
5) -ei. E-o a) ej, b) aĵ, c) -ad, § 4, unua alineo.
6) -el. E-o a) vidu -chen, b) -il § 4, dua alineo.
7) -eln. E-o -et, § 7.
8) -en. E-o sen sufikso, § 5, unua alineo.
9) -er. E-o a) -ist, b) -ant, c) -an, d) -ul, e) sen sufikso, f) du vortoj, § 4, tria ĝis kvina, g) -em, h) -il.
10) -ern. E-o a) sen sufikso, b) -ig, § 5, unua alineo kaj § 7.
11) -haft. E-o a) -em, b) -ebl, c) -ig, § 6.
12) -heit. E-o a) -ec, b) -aĵ, c) -ar, § 3, unua alineo.
13) -ieren. E-o -ig, § 7.
14) -ig. E-o a) sen sufikso, b) -oz, c) -iv ŝtonoza, masiva, riĉa je . . .) kp § 5, unua alineo.
15) -igen. E-o -ig, § 7.
16) -in. E-o samsufikso, § 2, dua alineo.
17) -ing. E-o -id, § 2, kvara alineo.
18) -isch. E-o a) sen sufikso, b) -em, c) -ind, d) -aĵ kaj -aĉ. § 5, dua alineo.
19) -ist. E-o a) samsufiksa, b) -an, § 2, kvina (lasta) alineo.
20) -keit. E-o vidu -heit
21) -lein. E-o vidu -chen.
22) -lich. E-o a) -et, b) -ebl, c) -ec, d) laŭ § 6.
23) -ling. E-o a) -ul, b) -aĉ, § 2, 4. alineo.
24) -nio. E-o a) sen sufikso, b) aĵ, § 4, sesa kaj sepa alineo.
25) -sal. E-o a) -aĵ, b) -il, § 4, sesa al.
26) -sam. E-o a) sen sufikso, b) -em, c) -ebl, d) -ind, § 6.
27) -schaft E-o a) -ec, b) -ar, § 3, 1-a al.
28) -tum. E-o a) -ec, b) -aĵ, c) -ad, d) -ar, e) -ism (dua senco de „Christentum"), § 3, unua kaj dua alineoj
29) -ung. a) sen sufikso, b) -ad, § 3, 2. al.

Kompreneble por kelkaj germanaj derivaĵoj per sufiksoj ekzistas krome apartaj radikoj kiel en aliaj eŭropaj lingvoj.

## Rimarkindaj presaĵoj

Ni mencias unuope senditajn verkojn; ni recenzas duope senditajn.

**Eldona Soc. Esperanto Stockholm.**

La **sveda ŝlosilo** aperis nun en sia 10-a eld. 120.—140. miloj. La 9-a eld. (20.000) elĉerpiĝis dum 1. jaro. Prezo 0.10 sved. Kr.

**SAT-Paris.**

**„Fremdvortoj en Esperanto"** de Paul Neergard, 12×17 cm, 64 pĝ., prezo fr. fr. 4.80.

**„Sunleviĝo"**, kantoj de la ĝojo, frateco kaj harmonio (Blanka Frataro), kunmetitaj de P. G. Pamporov, 32 paĝoj, 1933; prezo sv. fr. 0.25.

**„La parolo sur la montaro"** de Beinsa Duno; esp.-igis Pamporov, 1933; prezo sv. fr. 0.50. — Ambaŭ libroj haveblaj ĉe Pamporov, Sofio, poŝtkesto 271.

**Kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno.** De Dino Clara Meyer-Wichmann. El la nederlanda lingvo tradukita de Nikune. Amsterdam s. d. 8 paĝoj. Prezo ne montrita. — La libreto insistas je tio, ke oni rigardu krimulon kiel homon kaj ne kiel danĝeran, forigendan objekton; ĝi asertas, ke homoj, ne travivintaj staton pe mizero, ne kapablas taksi la gradon de malboneco de aliulo. Ĉiam la aŭtorino admonas: „Ne juĝu" kaj „ne perfortigu ies animon". En krimulo ŝi vidas malsanulojn, kiuj nur parte validas (ekz. rilate kelkajn seksajn krimulojn kaj ekscedantajn masojn). Lingve la broŝuro kontentigas; kiel pli gravan mankon mi nur notis la uzon de „dum" en la senco de „unterdessen" (anst. „dume").

D-ro W. Biehler

**Eld. A. Paolet - S. Vito al Tagliamento.**

**Ekzercilo** kaj **Helpilo** de supera praktika kurso. 2-a eldono, pliampleksigita, 73 kaj 40 paĝoj. Prezo 3 kaj 2 liroj.

La praktika lernilo, verson post verso, priparolas burgundan fablo, titolitan „Lupo kaj Heliko", aldonante kelkajn mallongajn versaĵojn, krome ekzercojn pri la t. n. „realaĵoj" (object lessons, leçons de choses), pri la tabelvortoj, fine „ŝanĝotaĵojn". La metodo tre bone taŭgas, nur el la frazoj kun la tabelvortoj kelkaj tute ne estas belsonaj (ankaŭ nekutimaj vortoj estas tie uzataj ekz. ĉial, nenial) kaj la korektadon de eraplenaj frazoj (en la plej malkorekta eĉ troviĝas ses eraroj) mi ne konsideras tiom oportuna, kiel la aŭtoro. (Pĝ. 27.) La asertojn de lingva gvidilo oni plejparte povas plene konsenti. Kiel erarojn mi precipe notis jenajn: **Ekzercilo**, pĝ. 10: anstataŭigi (anstataŭi, kiel la aŭtoro skribas iom pli poste), **pĝ. 16: pli (anst. plej, verŝajne preseraro),**

pĝ. 32: kion ankoraŭ (anst. plu, krome; „ankoraŭ" estas „maljam"), pĝ. 38: ne „domaĝo", sed „akcidento" verŝajne okazis, pĝ 42: la vortoj de l' „Kanto de l' Ligo" germanlingvaj ne estas verko de la muzikisto Mozart, sed de ties libretisto Schikaneder, pĝ. 49: Heliko ne volas ion signifi, sed esprimi per siaj vortoj pĝ. 50: oni ne legas per literoj (sed per la okuloj) pĝ. 55: oni ne „rimarkas al si ', sed „memortenas" instruon, pĝ. 62: ne „pulvo, sed „polvo" (preseraro kiel sur pĝ. 61 kio anst. kion). **Helpilo**, pĝ. 6: ne „forbrulinda", sed „forbruliginda", pĝ. 10: kiel Ekzercilo pĝ 61; pĝ. 17 -u ne esprimas „ordon", sed „ordonon" (ĉu preseraro?), pĝ. 21: oni mencias ion, sed ne „pri io" (komp memori forgesi), sur la sekvanta paĝo mi anst min (preseraro), pĝ. 25: anst ĉe kun akuzativo oni prefere uzu „al", pĝ. 35: ĉu ĉielarko estas „meteoro"? (ŝtono falinta de sur la ĉielo), pĝ. 40: de kio ajn li skribas anst de kio ajn estas skribita deli. Diskutinda eble estas la rimarko pri „ĝi" kiel anstataŭanto de persono kaj la neceso de tia granda amaso da demandoj rilate mitologion.

D-ro W. Biehler

**Literatura Mondo, Budapest.**

**„Hungara Antologio"**, red. K. Kalocsay; 472 pĝ. kaj 12 bildotabuloj kun 47 portretoj. Prezo broŝ. sv. fr. 12.—, bind. 14.— plus 10% sendkostoj. Por anoj de AELA sv. fr. 3.—, resp. 4.—; 1933.

Per ĉi tiu grava verko Esperanto ree pruvas sian taŭgecon per la kono de literaturverko, kles traduko en la ĉefajn kulturlingvojn ĝis nun ne efektiviĝis. Antaŭ jaroj E-ujo surprizis nin per eldono de „Kataluna Antologio", nun same taŭga verko, enhavanta hungarajn literaturaĵojn, ne malpli ĝojigas nin, ĉar precipe verkoj de ne-okcidentaj popoloj restas ĉe ni tro malmulte konataj. Prave Mihaly **Babits** en sia „Studo pri la hungara literaturo" akcentas, ke ĝuste la madjaroj kiel origine orienta popolo estis per sia loĝiĝo en Mezeŭropo devigataj fariĝi la naturaj perantoj inter Oriento kaj Okcidento kaj samtempe la ŝirmantoj de la nebalkana Eŭropo kontraŭ la turkaj invadoj. La antologio mem ampleksas du grandajn partojn: la unua enhavas poeziojn, la dua prozaĵojn. Kalocsay unue prezentas specimenojn de popola poezio (pli ampleksan kolekton da ili li eldonis sub la titolo „Kantanta Kamparo"). La ĉefverko de tiuj popolkantoj estas „Masonisto Kelemen", kombinanta la ideon pri porkonstruaĵa oferbrulaĵo kun la rakonto pri juĝisto Jephta el la Biblio La aliaj, ofte en formo de baladoj pritraktas la temon de l' Amo; „La serpento" iom memorigas al ni la komencon de Genezo. Sekvas nun la profesiaj poetoj, kiel plej antikva kaj sole staranta unue Balint **Balassa** el la 16. jc., kies poemtitoloj ofte ankoraŭ estas latinaj. Post preskaŭ du jarcentoj **Vitez, Berzsenyi, Kölcsey, Vörösmarty** daŭrigas la evoluiĝon, pro la turkaj militoj interrompitan Legante Vitez ni kelkfoje memoras Schiller kaj niajn anakreontajn poetojn; Berzsenyi preferas la grekajn ritmojn, favoritajn de la barok-poezio. La instruiteco ĉe ĉiuj kvar iom subpremas la sentkapablon. Vörösmarty jam batalas por revoluciaj ideoj kaj estas karakterize por li, ke li nomas la homon „ĉi-duondion, duonbeston". Lian kredon en malpli radikala formo heredas **Petöfi**, kiun komparemuloj nomus la hungaran Herwegh, kvankam li pli altgrade majstris ankaŭ la pli simplajn formojn, kelkfoje preskaŭ skribante epigramojn (Ho rememor'; Malĝojo, ocean' giganta). Samtempuloj de Petöfi estis **Arany** (bonega baladkantisto), **Vajda** (poeto de l' amo) kaj **Kiss**, kies balado Judit Simon estas majstroverko samkiel la poemo „La morto de Pan" de **Reviczky**. Inter la modernaj poetoj plej distingiĝas **Ady** kaj **Babits**, la dua estas asmtempe prozisto kiel cetere ankaŭ **Ignotus, Heltai, Kosztolanyi** (iom suferanta pro sex-appeal), **Karinthy**, Falu kaj **Kassak**, la plej moderna, kies formoj iom similas tiujn de Walt Whitman. De Babits mi menciu la cigankantojn baladajn kaj la grandiozan poemon „La Danaidoj", laŭforme parenca al „La korvo" de Poe. Fine mi atentigu la legantojn pri **Szep**, sufiĉe moderna aŭtoro, kaj pri la german-noma Oszkar **Gellert**.

Rilate la duan parton recenzanto de ĉi verko estas embarasita pro la riĉeco de l' enhavo De jam menciitaj aŭtoroj ĉefe estas citindaj „Mitologio" de **Babits** (fortoplena Heraklo-mito, pro la pentrita kulturepoko parte intence kruda, sed neniel dekadenca), la precipe por ekstremaj moralistoj enpensiga rakonto pri la „Fratinoj Tünderlak" de **Heltaj** kaj la fragmento el „Vivo de Homo" da **Kassak** La serio da prozaĵoj komenciĝas per „Kiun el la sep" de **Jokai**, rakonteto laŭ „Joĉjo, la gaja sapfaristo", sekvas drameca kampara skizo „La verda muŝo kaj la flava sciuro" de **Mikszath**. Majstroverkoj estas krom tiu novelo „Barono Rebus" de **Herczeg** (grotesko pri modela edzo. kiu estas nura maŝino). „Pierrot kaj Colombine", historia novelo el Francujo de **Pekar**; „Amo nenio pli" de **Szini**; „Pri malnova soldato" rokokotempa rakonto de Margit **Kaffka**; „Ĉe Mühlhausen la malĝoja oficiro", laŭ ŝajnigo militkomence skribita letero de iom dekadenca virino (aŭtoro **Szomory**). „La pork ido de l' bona Dio", tute senfrivoleca novelo primizerula, kies fino estas iom parenca al tiu de „The happy Prince" de Wilde (aŭtoro **Szabo**), kaj la poezio- kaj pensoplena utopio „Ŝtata murdejo" de Endre **Nagy**. Historia noveleto pri Ovid estas la skizo „Ĉe la pordo de l' skita maro" de **Laczko**, la vivon de la mizer loj pritraktas la psikologie tre instrua dummilita tragedia okazaĵo, rakontata en „Malriĉaj homoj" de **Mö-**

ricz, la plej longa specimeno de la tuta kolekto, idilie efikas „La leteroj de l' poŝtestro“ de **Krudy**, poeziplene „Odoroj“ de **Révecz**. Wells-simila fabelo (kp. „La lando de la blinduloj“ de l' angla verkisto) estas „Kontraŭ la aŭroro“ de **Mora**, kvazaŭ dramo „La duonfilo“ de **Biró**. Kalocsaj cetere ankaŭ esperantigis draman scenon (de **Katona**) kaj tutajn drametojn („Ĉe l' rando arbara“ de **Kobar**, kontrastanta la ekstremojn de junula gajeco kaj de grizula malespero; „La unua paŝo“ de **Molnar**, ilustranta fraŭlinan mensogemon, „La sama en viro“ de **Karinthy**, montranta en nekutima maniero malsaman prijuĝon de la du seksoj per la „Sinjorino de ĉi kreajaro“). „Kvin jaroj“ de la lirikisto **Falu** akcentas nian amon al la vivo, eĉ se ĝiaj kondiĉoj estas malesperigaj. La lasta prozaĵo „Place de l'opéra“ de **Földi** estas glorado de la nuntempo; la stilo de ĉi plej modernulo similas tiun de James Joyce.

Oni ne pensu, ke ĉi antologio enhavas verkojn de ĉiuj hungaraj poetoj; laŭ aldonita, tre zorge verkita hungara Esperanto-Bibliografio oni povas sciiĝi, ke krom la aŭtoroj reprezentataj en ĉi kolekto ekzistas pli ol 40 verkistoj (27 poetoj kaj 14 prozistoj), kies verkoj jam estas esperantigitaj. Tamen ĉi tie presitaj noveloj de kelkaj aŭtoroj (ekz. Pekar, Szini, Kaffka, Szabo, Nagy, Földi) prezentas novan nomon al Esperantujo. La tradukoj estas laŭlingve kutime bonegaj, kelkfoje en la unua parto eĉ geniaj, kvankam ofte tro modernaj (ekz.pĝ. 174 ili stultas, lacas, rare ĝoj' kaŭziĝas). Kiel dubajn kaj nekorektajn formojn mi inter alie notis jenajn: Pĝ. 14 senpere (anst. ĵus) antaŭ la revolucio; p. 50 mi koleris, ĝis (anst. tiom longe) mi povis; p. 146 rabisto kune (!) min priploras (ĉu preseraro?), p. 186 (kaj ofte) kvankam anst. tamen; p. 193 lasu vian manon detranĉiĝi (sen „iĝi“); p. 215 la edzino domaĝis fari tian servon (anst. preterlasis); p. 217 drinko ne defendas (pro ektas) kontraŭ . . .; p 219 sciencsoifo (scivolemo); p. 238 majesta (anst. reĝa) bonvolo; p. 244 mia direndo (!); p. 250 trezoreto (karulinjo); p. 251 malbone iris al mi (mi fartis malbone); p. 277 bonajn matenojn (sonas hispanlingve kp. buenas mananas); p. 296 ĉu vu do povas „rapide saniĝadi“?; p. 302 atingi al (uzu la akuzativon!); p 323 oni ne marŝas „kun“ sed „per“ pezaj paŝoj“; p. 329 viro (anst. edzo); p. 355 senombrela lampo (anst. senŝirmila); p. 356 lin kortuŝis sia (anst. lia) oferemo; p. 363 lingvo ne „redonas“ sed „esprimas“ ion; p. 396 mi estos tiel bona, ke tre (!); p. 416 vojaĝimedo (vojaĝilo); p. 427 turbutono (Knauf!); p. 428 por ili jam sufiĉis la zorgado (anst. ilin jam naŭzis/tedis . . .) p. 450 ŝanĝu la ciferon, legante 1066. La klarigaj notoj priparolas multajn vortojn kaj aludojn; tamen ne klarigitaj restis ekz. brokanti, ekranbesto, fuko, karamboli, kilorgo, longo, reĝino Molena, ŝindo, skorio.

Entute oni gratulu la redaktiston kaj la kunlaborintojn, ke ili sukcesis „enmondigi“ tiun gravan kaj belan verkon.

D-ro fil. Biehler

**Deziras korespondi:**

**Finnlando**: Grupo da finnaj s-anoj; adr.: Esp.-Instituto, **Helsinki**, Kluuvikatu 5.

**Hispanujo**: Francisko Pena, Wad-Ras, 157-3, **Barcelona** (E), pm.

**Belgujo**: Maelfait Maurice, Herderstr. 85, **Kortrijk**, pk.

**Svedujo**: S-ino Elin Klang, **Perstorp**, Box 61.

**Danujo**: F-ino Gertrud Hansen, **Kolding**, Seestgade 42.

**Kunvenoj de esperantistoj.**
**Zusammenkünfte der Esperantisten.**

**Baden**: N. Pronay, Bahngasse 2.

**Braunau** a. I.; Haselbauer, Linzerstr. 7/II.

**Graz.**

E-Verein für Steiermark, Schönaugasse 6/II, Heim: Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

E-Verein „Em. Peltier“, Sackstr. 16/II, Mo (l) 20 h.

**Gr. Sieghartz**: Portier Novotny, Fabrik.

**Innsbruck**: Hotel Grüner Baum, Museumstr. 35, Do (ĵ), 20 h.

**Klagenfurt**: Elektrizitätswerke.

**Linz**: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Salzburg:**

E-Grupo: Gastejo Schwarzes Rössel, Berggasse, Mi (mk) 20 h.

E-Grupo „Estonteco“, prez. Kapс, Dreifaltigkeitsgasse 14.

**Sigmundsherberg**: Schule, Fr (v) 20 h.

**Steyr**: Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

D-ro Sos-Grupo, I., kafejo Kolowratring, Schubertring 2 Fr. (v.) 19 h.

E-Org. de Oficħavantoj, IV. Schäffergasse 3, Mag. Bez.-Amt, ĉiutage esc. sabate; 19 h.

Esp.-societo „Fideleco“, Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Koloman Kalocsay-Grupo ĉe s-ro Hovorka, IX. Löblichgasse 3, Mi (mk) 19 h.

Libera E-Rondo „Verda Angulo“, kafejo Hrdy, XVI. Ottakringerstr. 119: Mi (mk) 20-22 h

E-Rondo „Kolonelo Zwach“ ĉe Stafa, VII. Mariahilferstr. 120 Di (m), 1?-18 h.

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (mk) 18—20 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.